# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

aprilo 2005





- ★ Mortis la papo kiu uzis Esperanton - Johano Paŭlo la Dua
- ★ 7a kongreso de kroataj esperantistoj en Zabok
- ★ Ministerio pri kulturo de Respubliko Kroatio financas Esperantan libroekspozicion
- ★ Japana traduko de "Hlapić" trovis reeĥon en Kroatio
- ★ 60 jarojn de kontinua postmilita laboro de Kroata Esperanto-Ligo kaj Esperanto-Societo "Bude Borjan"

# Karaj legantoj!

Jen la jaro 2005, la jaro en kiu datrevenas unika jubileo de Kroata Esperanto-Ligo: pasis 60 jarojn de post kiam D-ro Ivo Lapenna, registris la unuan postmilitan statuton de Kroata Esperanto-Ligo. Malmultaj organizos montras similan kontinuecon. Unu el ili estas zagreba societo Esperanto-Societo ***Bude Borjan***.

En nia jubilea jaro bone progresas la preparoj por la 7a kongreso de kroataj esperantistoj en Zabok por kiu Ministerio pri kulturo aprobis konsiderindan financan helpon por okazigo de Libroekspozicio. La alta protektanto de la kongreso estas Stjepan Mesić, prezidento de Respubliko Kroatio. La Kongreso okazas sub la egido de la Urbestraro de Zabok kiu anoncis konsiderindan financan helpon. Lige al la kongreso aperas la titolpaĝokaj dorsflanke la pagita reklamo de zagreba firmao ***Pastor***. La organizan laboron ĉefe prizorgas Radenko Milošević. Same bone progresas la preparoj de la kroata karavano al Litovio gvidata de Faruk Islamović.

Vi legos en tiu ĉi numero pri la reeĥoj kiujn en Kroatio provokis la eldono de ***"Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić"*** en la japana lingvo. Vi povos informiĝi kiu estis la unua kroata aŭtoro tradukita per Esperanto en la ĉinan – Milka Pogačić. Vi trovos reeĥojn de la grava Esperanto-jubileo en Bulonjo-sur-maro per kiu ni rondigis cent jarojn de niaj renkontiĝoj, ekde kiam ***renkontiĝas homoj kun homoj.***

Eble interesos la legantoj, ke el Zagrebo kun japana subteno estas organizata traduko de ***Zamenhof-Strato*** en pluraj aliaj lingvoj de Mezeŭropo: slovaka, slovena, ĉeĥa, hungara.

Vi trovos informojn pri la knabo Esperanta Petr Ginz, kies sorto, diskonigita per ***Isreala Esperantisto*** kaptis atenton de kroataj gazetoj. Nia poezia rubriko prezentas sentemon de kroata poeto Sead Muhamedagić, kies versoj ĉi-foje enprofundigas nin en la profundojn de la mondo de blinduloj.

Vi legos kuraĝigan informon ke pli ol cent enpagoj venis por nia estonta ejo en Vodnikova str. 9, kaj ke ni kolektis inter ni preskaŭ 9.500 eŭrojn!

Dum la revuo eniris presejon, atingis nin la informo, ke forpasis la unika papo kiu uzis Esperanton, Johano Paŭlo la Dua. Al la slava grandulo el la mondo de religiuloj omaĝas la enkonduka artikolo de Radenko Milošević.

*S. Štimec*

# BONVENIGA MESAĜO DE LA URBESTRO DE ZABOK

Estimataj legantoj,

Mia privilegio kaj kontento estas inviti Vin kaj direkti al vi vortojn de bonveno okaze de la 7a kongreso de kroataj esperantistoj kiu okazos en Zabok la 18an kaj 19an de junio 2005 sub aŭspicio de Prezidento de Respubliko Kroatio, sinjoro Stjepan Mesić.

Deziro de la organizantoj kaj de mi persone estas, ke la Kongreso kontribuu al evoluo de Esperanto en Kroatio, kie ĝi havas jam centjaran tradicion.

Ni deziras ke ĉi-tiu Kongreso estu instigo por plua disvastigo de la konscio pri graveco de la Internacia Lingvo kaj ĝia lernado, sed samtiel instigo por nia komuna proksimigo kaj kunestado.

Konatas, ke Esperanto kiel lingvo estis kreita por faciligi komunikadon inter la homoj de diversaj landoj kaj kulturoj, kaj alveno de esperantistoj al Zabok estis planita kiel pliproksimigo de esperantistoj kaj zabokanoj, kiuj ekde ĉiam estas malfermitaj al ĉiuj formoj de evoluo de la kultura kaj socia vivo.

Estos aparta honoro gastigi vin en Zabok, kun sincera deziro ke la Kongreso estu sukcesa, kaj ke la zabokanoj per sia gastamo ĉi-tiun eventon faru neforgesebla kultura evento.

*Urbestro de Zabok*
*Ivan Hanžek*

*Tempo*

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994. Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXIV, numero 1/2005, ISSN 0352-1583. Tiu ĉi numero estas eldonita per financa helpo de Ministerio pri kulturo de Respubliko Kroatio.
**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio, **tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373, **rete**: esperanto@zg.t-com.hr, **www.esperanto.hr** - **Kontribuis**: Lucija Borčić, Petro Chrdle, Ante Despot, Ivan Dumbović, Davor Grgat, Tatjana Kren, Claude Nourmont, Radenko Milošević, Doron Modan per Esperanto-Revuo, Vjekoslav Morankić, Sead Muhamedagić, Josip Pleadin, Milan Sudec, Spomenka Štimec, Vanja Radovanović, Vodič kroz Krapinsko-zagorsku županiju, Zagorje public.
**Redaktis:** Spomenka Štimec, **Grafike aranĝis:** Josip Pleadin. **Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.htnet.hr
**Anonctarifo** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR) 1/2 paĝo 500 kn (68 EUR), lasta kovrilpaĝo 2.500 kn (328 EUR). **Abono**: 4 numeroj jare 40 kn (9,5 EUR), unuopa numero 10 kn (1,5 EUR)
***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# MORTIS GRANDA PAPO KAJ HOMO - AMIKO DE KROATIO

"Restu kun ni!", estis la vortoj kiujn eldiradis la preĝanta arego da pilgrimantoj starintaj sur la Placo de sankta Petro en Romo, sabaton la 2an de aprilo ĉi-jare. Tio estis la vortoj de du disĉiploj kunvenintaj kun la reviviĝanta Kristo survoje al Emaus[1]. Tio estis la vortoj de teologia varpo de la Paska mesaĝo de Papo Johano Paŭlo la Dua, tralegitaj la 27an de marto lianome je Pasko-tago.

Tagojn pli frue milionoj kaj miliardoj da homoj de la tuta Terglobo preĝis kaj aŭskultadis novaĵojn pri la sanstato de la Papo. Kristanoj, ortodoksoj, hebrejo, muzulmanoj, agnostikuloj! La ĉionpova fingro de la Kreinto "malfermis pordon de Dia Regno" tiun tagon por "Petro de niaj tagoj".

Karol Wojtiła estis la "Papo kiun oni povis tuŝi", homo kun kruco, la plej granda morala aŭtoritato de nia tempo. Li estis kaj Papo kaj homo enirinta en diversajn kristanajn preĝejojn, la papo en hebrea templo kaj islama moske, la papo kun infanoj, la papo kun indiana plumtufo surkape! Papo sportisto, laboristo, verkisto. Ne ekzistas sufiĉa spaco en miloj da libroj kun milionoj da literoj diversspeca, por ke ĉuj pensoj kaj memoroj pri li trovu sian lokon, sed miliardoj da homoj en la tuta mondo de ĉiuj religioj kaj pensmanieroj tenas kaj eterne tenos lin kaj lian kredon je Dio en memoro. La amon laŭ la Krista eldiro "Kion ajn vi faris por la plej malgrandaj inter miaj gefratoj, vi por mi faris!" li elradiadis dum la tuta sia pontifikeco. Liaj vortoj estis, ke li neniam laciĝos serĉante komunecon, kaj dufoje li en Assisi preĝis kun reprezentantoj de mondaj religioj.

Kiu li estis? La papo polo, la papo slavo, kiu ĉe la inaŭguro diris, ke li estas invitita el malproksima lando kaj petis la ĉeestintaron: "Mi ne scias ĉu mi povas bone esprimi min en via lingvo ... sed se mi eraras, vi korektu min!" La papo kiu por si mem diris "ke estas el blanka Kroatio". Li estis la unua neitala papo post 450 jaroj. La papo religiestro, ŝtatestro kaj ŝtatgvidanto, kiu skribis pli ol cent kernajn dokumentojn - enciklikojn, apostolajn konstituciojn ktp.

Preninte la nomon Johano Paŭlo la Dua, honore al sia samnoma antaŭulo, li samtempe montris altestimon al la pasintaj du papoj, Johano la Dudektria t.n. "la papo bona" kaj Paŭlo la Sesa, kiu finis la Duan vatikanan koncilion, per kio estis malfermita pordo por ekumenismo kaj batalo kontraŭ multaj malbonoj de nuntempa mondo.

Papo la Granda, kies sanktigon laŭte postulis amaso trimiliona tuj post lia morto, estos por ĉiam enfermita en kroataj koroj kaj pensoj. Rememoru ni, ke la Vatikana diplomatio la unuan fojon elpaŝis antaŭ suverenaj ŝtatoj ĉe konfirmo de sendependeco de unu ŝtato - Respubliko Kroatio. Li trifoje vizitis nian landon kaj inaŭguris eĉ du kroatajn episkopojn! Liaj mesaĝoj, interparoloj kun ŝtatestroj kroatiaj, kun ĉiutagaj kredantoj estis tiomaj, ke oni ne povas racie kompreni, kiam oni pripensas kiel la tutan tempon lia sanstato estis malbona. Kion diri, krom nur home modeste:

**Dankon - Johano Paŭlo!**

Nun, kiam eterna Dio invitis servanton sian Papon Johanon Paŭlon, plenumiĝis liaj vortoj el la poemo ekde la komenco ĝis tiu parto: "Ho Dio, ĉu vi invitis min? Viaj lipoj mian diris nomon".

*Radenko Milošević*



*Johano Paŭlo la Dua*

### *KRIST' ĈE MARBORDO*

*Krist' iam haltis ĉe bordo,*
*serĉante homojn por grandaj agoj*
*por kapti korojn per Diaj vortoj.*

*Ho Dio, ĉu vi invitis min?*
*Vaj lipoj diris nomon mian.*
*Mian barkon mi nun lasas al bordo*
*de nun mi iras kien sendas min vi.*

*Mi estas malriĉa homo,*
*mia riĉeco estas sindono al Vi*
*kaj koro pura por iri post Vi.*

*Vi bezonas polmojn miajn,*
*disardan flamon de mia kor'*
*kaj ŝviterojn, solecon mian.*

*Vi kaj mi ekiros hodiaŭ*
*kapti korojn en maro de vivo,*
*kaj reto estos - vorto Dia vera.*

Esperantigis: Radenko Milošević

1) Urbo en Judeo, malproksime de Jerusalemo, kie laŭ Evangelio de Sankta Luko (vidu: Nova testamento 24, 13-33, tradukitan de L.L. Zamenhof, paĝo 80) Kristo montriĝis post la morto la unuan fojon al siaj disĉiploj.

18-an kaj 19-an de junio 2005



# 7a KONGRESO DE KROATAJ ESPERANTISTOJ

# Zabok

## KONCIZA HISTORIO DE ZABOK

La nomo Zabok estas por la unua fojo menciita, laŭ la ĝis nun konataj dokumentoj, en la jaro 1335 en la donac-dokumento de la kroat-hungara reĝo Karlo la Unua, per kiu li, laŭ la rekomendo de la slavonia banuso Mikac, donacas posedaĵon Zabok al Petro, filo de Nuzlin, ĉar la ĝistiama posedinto Samson mortis sen heredantoj. Banuso Mikac realigis donac-dokumenton, kaj en la jaro 1345 kofirmis ĝin posteulo de reĝo Karlo, la reĝo Lodoviko la Unua. Heredintoj de Petro, filo de Nuzlin, uzis aldonan familian atributon "de Zabok", kaj en la 15a jarcento la familia komencis uzi la nomon "Zaboky de Zabok".

Evidentiĝas, ke la toponimo Zabok ne estas ligata kun la familia nomo de bien-havulo, sed kontraŭe - la familio transprenis nomon de la bieno. Tio estas facile klarigebla, ĉar malnova kroata vorto "bok" (=kokso) krom aliaj signifoj samtempe signifas - akran kurbiĝon de iu riverfluo. La tiama bieno de Zabok kuŝis ĝuste en tia granda kurbiĝo de la rivero Krapinica, sekve "ĉe kokso", kie tiutempe situis, sub la kapeleto de Sankta Antono, ligna kasteleto de la familio, pli poste nomita - Zaboky. La bieno en posta tempo estis dividita inter posteuloj de Petro kaj la bienpartojoj pli kaj pli malgrandiĝis, kiel Gredice sude kaj Prilesje – hodiaŭ Bračak oriente. Novaj posedantoj konstruadis siajn kasteletojn kaj kuriojn, kaj en la jaro 1805 estis finkonstruita en la nuna loko - preĝejo de Sankta Helena Kruckavalirino.

Riverfluejoj kaŭzis, ke tie ĉi, apud la preĝejo, ekestis kruciĝo de trafikvojoj. Kiam per decido de la banuso Josip Jelačić ĉesis ekzisti servuteco, la popolo libere eklogadis apud la vojoj venantaj el malnovaj centroj Kaštel, Gredice kaj Bračak kiuj gvidis al nova centro ĉirkaŭ la preĝejo, farinte tiel novan urbocentron. Hodiaŭ tiuj tri punktoj faras pintojn de la triangulo inter kiu estas mallarĝa teritorio de la nuntempa urbo Zabok.

*(Laŭ la oficiala tt-paĝo de urbo Zabok verkis kaj tradukis: R.Milošević)*

Okazis viglaj preparaktivecoj de la kongreso. Prezidento de la Respubliko Stjepan Mesić akceptis altan protektantecon de la kongreso. La Urbestraro de Zabok akceptis la Decidon pri rilatoj inter la urbo kaj KEL. Estas preparata ankaŭ ekspozicio "Eperanto en literaturo kaj politika vivo" kiel antaŭkongresa aktiveco, kiu estos malfermita inter la 10a kaj 18a de junio.

Decido de la urbestro de Zabok pri protektanteco kaj financa subteno dela Sepa kongreso kaj kunlaboro kun KEL en ĉiuj aspektoj de la kongreso atingis KEL en skriba formo la 27an de januaro. En marto estis akceptita kaj subskribita Kontrakto inter la urbo Zabok kaj Kroata Esperanto-Ligo pri detaloj de la programo kaj ĝia funkciado.

Formiĝis la Organiza komitato en jena konsisto:

*Prezidanto:* **mag. Radenko Milošević**

*Membroj:* **d-ro Jozo Marević** *kaj* **d-ro Zlatko Hinšt**

*Plenumadministranto:* **prof. Snježana Habulin**

*Reprezentanto de la urbestraro de Zabok:* **dipl. polit. Tihomir Vrančić**

Baza ideo de la estonta kongreso en Zabok, ĝiaj temoj kaj celo estis prezentitaj antaŭ ĉeestintaro en Krapina la 14an de aprilo, kiam prezentiĝis nova gvidlibro pri la regiono Krapina-Zagorje kaj kiam estis subskribita protokolo pri kunlaboro inter eldonisto "Zagorjepublic" kaj KEL.

## PREZIDENTO STJEPAN MESIĆ - LA ALTA PROTEKTANTO DE LA SEPA KONGRESO

Prezidento de la Respubliko Kroatio Stjepan Mesić akceptis la 24an de marto prezidanton de la Organiza kongresa komitato de Sepa kongreso de kroatiaj esperantistoj.

La Prezidento estis informita pri preparoj de la kongreso, pri temoj diskutotaj dumkongrese, pri la ĝisnuna kunlaboro kaj subskribita Kontrakto inter urbo Zabok kaj Kroata Esperanto-Ligo. La Prezidento akceptis la altan protektantecon de la kongreso.

Bedaŭrinde, la Prezidento Mesić pro jam pli frue transprenitaj devoj ne povas persone ĉeesti la kongreson, sed tagon pli frue, la 17an de junio li akceptos kvinpersonan delegacion de la organizantoj en la prezidentejo. Ĉe la kongreso lin reprezentos estrino de la distrikto Krapina-Zagorje, Vlasta Hubicki.

# Ekspozicio "Esperanto en literaturo kaj politika vivo"

## Zabok, de la 10a ĝis la 18a de junio 2005

*"Esperanto en literaturo kaj politika vivo"*, estas titolo de la ekspozicio, kiun organizos Kroata Esperanto-Ligo, sub aŭspicio de Ministerio pri kulturo de la Respubliko Kroatio de la 10a ĝis la 18a de junio. La ekspozicio estos starigota en la urbo Zabok, en la Urba biblioteko "Ksaver Šandor Gjalski", kaj teme ĝi estos ligata al la 7-a kongreso de kroataj esperantistoj okazonta samurbe la 18an kaj 19an de junio. La ekspozicio estos enkonduko al estontaj dumkongresaj eventoj, la ekspozicio montros ne nur al esperantistoj, sed ankaŭ al gastigantoj el Zabok kaj ĝia regiono, la rolon kaj signifon de Esperanto kiel ilo por literatura kaj politika komunikado inter diverslingve parolantaj homoj.

La ekspozicio prezetos ĉirkaŭ ducent Esperantlingvajn, ĉu originalajn ĉu tradukitajn librojn kaj aliajn similajn materialojn. Tiamaniere ĝi montros historian superrigardon ne nur pri tradukoj de kroatlingvaj libroj, kiuj multfoje estis pontoj al traduko en aliajn naciajn lingvojn, sed samtempe ankaŭ trarigardon de la originala Esperantlingva literaturo en Kroatio ekde la jaro 1909, kiam estis fondita *Unuiĝo de kroataj esperantistoj*. La celo de la planita ekspozicio estas informi kaj montri al pli vasta kroatia publiko vastecon de la originala kaj tradukita literaturoi Esperantlingvaj. Krome ĝi celas eblecojn de Esperanto alproksimigi al vasta publiko, speciale en la momento kiam Respubliko Kroatio preparas sin por eniri en Eŭropan Union, kie apud aliaj problemoj svarmas (kaj svarmos estonte) problemoj lingvaj kaj problemoj de faka kaj jura interkompreniĝo.

Por la ekspozicio estos eldonita dulingva katalogo, en kiu estos menciitaj ĉiuj libroj ekspoziciitaj. En la katalogo legeblos ankaŭ la historia superrigardo pri la plej gravaj kroataj libroj eldonitaj en Esperanto., el la plumo de Ivo Borovečki. La ekspozicio estos malfermita la 10an de junio je la 19h00. La malfermon partoprenos reprezentatoj el la politika kaj publika vivo de Kroatio, distrikto Krapina-Zagorje kaj de la urbo Zabok mem.

*Radenko Milošević*

# KONGRESA PROGRAMO

**Kongresejo:**
**Elementa lernejo**
**"Ksaver Šandor Gjalski" en Zabok,Đački put bb**

## Sabato, la 18an de junio 2005.

08h00 Ekiveturo de aŭtobuso al Zabok de antaŭ la II-a gimnazio en Zagreb, Križanićeva strato, (vid-al vide de la KEL-oficejo)
Vizito al la libroekspozicio en Biblioteko.

09h30 Transdono de la kongresaj materialoj

10h00 Malfermo de la kongreso
Malfermo kaj salutvorto de la reprezentanto de KEL
Bonveniga saluto de koruso "Ksaver Šandor Gjalski" el Zabok
Saluto de la ŝtatestro, Stjepan Mesić
Saluto de la urbestro, Ivan Hanžek
Trarigardo de la plej signifaj eventoj el la kroatia Esperanto-movado.
Dulingve prezentos aktorino, s-ino Vida Jerman

**Kongresa temo 1: *"Eŭropa Unuiĝo kaj internacia lingvo Esperanto kiel fundamento de la eŭropa identeco"*.**
• D-ro Zlatko Hinšt: "Liberaligo de la eŭropa fervoja trafiko kaj lingva problemo".
• dipl. oec. Vjekoslav Morankić: „Esperanto kiel unu el la oficialaj lingvoj de Eŭropa Unuiĝo kaj de Konsilio de Eŭropo – ĉefa antaŭkondiĉo por formado de eŭropa identeco".
• M-ro Zlatko Tišljar: „Subsidiareco kiel principo en solvado de kultura kaj lingva suvereneco".
• M-ro Radenko Milošević: „Esperanto - procedo de enkonduko de unueca eŭropa komuna lingvo".
**Kongresa temo 2: *„Politika penso en Hrvatsko Zagorje - de ilirismo ĝis memstara ŝtato "*.**
• D-ro Rajko Fureš: "Instruoj de la politika heredaĵo de Ljudevit Gaj".
• prof. Benjamin Tolić: "Kroata alternativo od ilirismo ĝis Respubliko Kroatio".
• prof. Đuro Vidmarević: "Maturiĝo de la ideo pri la kroata suvereneco".
• M-ro Radenko Milošević: "Ĝis la memstara ŝtato kaj reen".

13h00 Tagmanĝo
La urbestro de Zabok regalas la kongresanojn.

14h30 Jarkunveno de Kroata Esperanto-Ligo.

17h00 Fermo de la kongreso.
La aŭtobuso reportas kongresanojn al Zagreb.

## Dimanĉo, la19an de junio

***Ekskursa tago***
Ekiro de aŭtobuso al Zagorje je la 09h00 antaŭ la II-a gimnazio en Zagreb, Križanićeva strato, vid-al-vide de la KEL-oficejo.

# ARANĜOJ EN KIUJ PARTOPRENOS NIAJ MEMBROJ EN 2005

*7–14a de majo - Braşov, Rumanio*
**La 57a Konferenco de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.**
Kontaktadreso: IFEF-Kongreso, OP 1, CP 71, Braşov, Rumanio, au ĉe Kroata Fervojista Esperanto-Asocio, Mihanovićeva 12, 10000 Zagreb.

*13–15a de majo - Dom na Mrzlici, Slovenio*
**La 3a Familia MKR (Montkabana renkontiĝo).**
Informoj: http://www.angelfire.com/va2/Vanja/index.html

*20-22a de majo - Kostrena, Kroatio*
**Kroata Konkurso pri Scio de Esperanto por Lernantoj el Elementaj lernejoj.**
Kontaktadresoj: Kroata Esperanto-Ligo , Kneza Mislava 11, 10000 Zagreb, Tel: 01 461 7550, Faksilo 01 4619373, esperanto@zg.htnet.hr

*20-22a de majo - Rijeka kaj Kostrena, Kroatio*
**Internacia Junulara Renkontigxo: "Naciaj Kulturoj kaj Lingvoj kaj Europa identeco"**
Kontaktadreso: Esperanto-Societo Rijeka, Blaža Polića 2 /I, 51000 Rijeka, tel/faks: 051 228 148, rete: esperanto.rijeka@ri.htnet.hr .

*21–22a de majo - Trieste, Italio*
**Alp-Adria Konferenco.**
Temo: "Adriatika maro, renkontiĝejo de lingvoj kaj kulturoj diversaj".
Kontaktadreso: Esperanto Trieste, C.P. 601, IT-34100 Trieste, Italio, nored@tele2.it kaj testudo@adriacom.it .

*28a de majo – Hrašćina-Trgovišće, Kroatio*
**Meteorita festo en vilaĝo Hrašćina**
Gastas verkisto Joža Horvat kun Renata Horvat. Organizanto: KEL, Kroata Esperanto-Ligo , Kneza Mislava 11, 10000 Zagreb, Tel: 01 461 7550, Faksilo 01 4619373 , esperanto@zg.htnet.hr

*5a de junio - Kaštelir, bieno de Marcello Trampuh, Kroatio*
**Internacia esperantista renkontiĝo "Plantado de olivarboj".**
Kontakto: Marcello Trampuh, Krančići 1, 52464 Kaštelir, marcello@trampuh.com

*15-23a de junio* - **Festivalo de Infanteatro Toulouse, Francio.**
Elementa lernejo Mladost, Zagreb-( Marija Jerković)

*18-19a de junio - Zabok, Kroatio*
**La 7a Kongreso de Kroataj Esperantistoj kaj Jarkunveno de Kroata Esperanto-Ligo.**
Kontaktadreso: Kroata Esperanto-Ligo, Kroata Esperanto-Ligo, Kneza Mislava 11, 10000 Zagreb, Tel: 01 461 7550, Faksilo 01 4619373 , esperanto@zg.htnet.hr

*2–9a de julio - Zagreb*
**La 78 SAT- Kongreso**
Kontaktadreso: Reprezentanto de OKK Marija Belošević, Sveti Duh 130, 10000 Zagreb, sat_hr@yahoo.com

*9-11a de julio - Hrašćina–Trgovišće, bieno de Spomenka Štimec*
**Renkontiĝo de Mezeŭropaj verkistoj-esperantistoj.**
Kontaktadreso cxe Kroata Esperanto-Ligo (vidu aliloke en la revuo)

*21–31a de julio - Vilno, Litovio*
**La 90 Universala Kongreso de Esperanto**
Preparata buskaravano de kroatiaj esperantistoj. Kontaktadreso: Kroata Esperanto-Ligo, Kneza Mislava 11, 10000 Zagreb, Tel: 01 461 7550, Faksilo 01 4619373, esperanto@zg.htnet.hr

*30a de julio – 5a aŭgusto - Kaunas, Litovio*
**La 38 Konferenco de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj.**
Informoj: Atilio Orellana Rojas, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando.

*30a de julio – 6a de aŭgusto - Vilno, Litovio*
**La Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj.**
Kontakt adreso: Irma Sabonyte, p.k. 559, LT-01014 Vilnius, Litovio, alvydasvalenta@takas.lt .

*31a de julio - 7a de aŭgusto- Zakopane, Pollando*
**La 61-a Internacia Junulara Kongreso**
Inf.: Ireneusz Bobrzak, ul. Torunska 82 m 133, PL-03-226 Warszawa, Pollando.

*22–25a de septembro - Baške Oštarije, "Vila Velebita"*
**Montkabana Renkontiĝo sur Monto Velebit.**
Kontakto: http://www.angelfire.com/vanja/index.html

*20a de novembro - Kaštelir - Bieno de Marcello Trampuh*
**Internacia esperantista renkontigxo "Celebro de nova vino"**
Kontakto: Marcello Trampuh, Krančići 1, 52464 Kaštelir, marcello@trampuh.com

*Decembro - Trieste, Italio*
**Ekspozicio "Mia kripo"**
Informoj: Esperanto Trieste CP.601 – 34100 Trieste Centro Italio, testudo@adriacom.it .

En la mondo cxi jare okazas pli ol 160 kongresoj, konferencoj kaj renkontigxoj en kiuj la sola laborlingvo estas Esperanto.

Plena kalendaro de Esperanto-arangxoj en 2005 videblas cxe retpagxo **http://www.eventoj.hu**

*Kompilis: Vjekoslav Morankić*









# KIU ESTIS MILKA POGAČIĆ, LA UNUA AŬTORINO TRADUKITA PER ESPERANTO EN LA ĈINAN?

***Konciza historio de la ĉina Esperanto-Movado***, la impona dokumento pri la atingoj de Esperanto en Ĉinio, plurfoje menciis la nomon de Milka Pogačić, lige al la agado de ĉina verkisto kaj tradukisto Wang Luyen (1902-1944).

En Kroatio malmultaj homoj nuntempe konas la nomon de Milka Pogačić. Ŝi apartenas al la la forgesitaj heroinoj de la kroata historio.

Iniciatite de la ĉina verko, mi esploris pri ŝi: la sporoj gvidis al Kroata lerneja muzeo. Milka Pogačić estis iam fama instruistino. Profesoro ĉe Pedagogia Fakultato Ivan Dumbović verkis libron pri ŝia laboro. Milka Pogačić naskiĝis kaj mortis en Zagreb (1860-1936). Ŝiaj gepatroj estis Juraj Pogačić el Pregrada kaj Vjekoslava el la zagreba Nova Ves. Alveninte al Zagrebo, la patro ekposedis gastejon en Frankopanska str.

Milka estis plej aĝa infano. Preskaŭ ĉiuj ŝiaj gefratoj mortis infanaĝe. La infanaĝaj suferoj direktis ŝin al la dumviva socia laboro.

Impresas la amplekso de ŝiaj publikigitaj laboroj - ŝi verkis ĉ. 200 librojn, romanojn, rakontojn, sociajn kaj pedagogiajn artikolojn kaj pli ol 300 poemojn. Ŝi multe tradukis el pluraj lingvoj. La gazetaro de ŝia epoko notis ĉ. 100 artikolojn pri ŝia laboro, personeco, aktivecoj. Ŝia ĉefa profesio estis instruado, sed ŝi ankaŭ elstaris en socia laboro. Ŝi estis ekz. fondinto de la hejmo por sengepatraj infanoj, sed ankaŭ de la unua enteriga asocio en Kroatio. En la jaro 1904 ŝi fondis Asocion de instruistinoj de la Regno de Kroatio kaj Slavonio kaj fariĝis ties prezidantino. Honore al ŝi bela kastelo Ruĝa urbo en Presečno ĉe Križevci, aĉetita de Asocio de instruistinoj por prizorgo de infanoj, estis nomita Milkovac. Ŝi iniciatis fondon de Rifuĝejo por infanoj de la laborantaj patrinoj (1909).

Ŝi estis en 1914 direktorino de la hospitala kuirejo kiam pro la milito. la hospitalo enloĝiĝis en la lernejon en Draškovićeva str. en Zagrebo, kie ŝi antaŭe direktoris.

Ŝi estis unu el la unuaj sociaj laboristoj en Kroatio. Ŝi simpatiis por la ekspluatataj homoj: laboristpatrinoj, laboristedzinoj...

Ŝia hejmo estis la gastigejo de multaj kulturuloj. Ŝi interalie kontribuis al edukiĝo de pentristo Gabrijel Jurkić.

Ŝi mortis la 11an de aprilo 1936 kaj ŝia tombo sub la arkadoj de zagreba tombejo Mirogoj apartenas al la aparte belaj, realigita de Juraj Denzler. La reliefon sur ŝia tombo prezentata virinon kiu ĉirkaŭbrakas infanojn, kreis fama kroata skulptisto Frano Kršinić.

La prozon ***Konfeso*** ŝi publikigis verŝajne en 1912. La ekzemplero konservata en Nacia kaj universitata biblioteko ne havas indikitan jaron.

Per tiu libro instruistino Antonija Jozičić en Kostajnica kreis Esperantan tradukon en 1913... kiu atingos Ŝanhajon kaj tradukiston Wang Luyen kaj fariĝos la unua libro el la kroata literaturo kiu estis per Esperanto tradukita al la ĉina.

La laboron de Milka Pogačić konas nuntempe ĉefe nur tiuj kiuj okupiĝas pri historio de pedagogio en Kroatio. Esperanto donis al ŝi novan ĉapitron en ŝia riĉa biografio.

Okaze de la malkovro de la ĉina traduko de ŝia verko, lerneja gazeto ***Školske novine*** de la 1a de februaro 2005 metis la informon sur la titolpaĝo kaj pri ĝi raportis gazeto ***Slobodna Dalmacija.***

*S. Štimec*

# ĈINLINGVA TRADUKO *7000 TAGOJ EN SIBERIO* PREZENTITA EN ZAGREBO

Konata kroata intelektulo, verkisto Predrag Matvejević, kiu dum la lastaj jaroj gastprofesoras en Universitato La Sapienza en Romo, prezentis la verkon de Karlo Štajner ***"7000 tagoj en Siberio"*** en Juda komunumo de Zagrebo, la 28an de februaro 2005. Vida Jerman voĉlegis kroate kaj Esperante el la verko, kiu en 2004 aperis en la ĉina traduko de esperantisto Shi Chengtai. Spomenka Štimec parolis pri la mirinda iniciato de japana tradukisto Kurisu Kei, kiu lanĉis la ideon ĉinigi la libron kaj havigis, per helpo de multaj japanoj, la financajn rimedojn por realigi la ĉinlingvan verkon.

„Se la libro aperus en 1958 kiam ĝi estis verkita (kaj tio estis dekon da jaroj antaŭ *Arkipelago Gulago* de Soljenjicin), Karlo Štajner estus aŭtoro de unu el la plej grandaj posmilitaj sukceslibroj." - diris Matvejević. „Karlo Štajner fariĝis heroo de nia tempo".

La edzino de la aŭtoro Sonja Štajner (nask. Mojsejeva), al kiu la aŭtoro dediĉis la verkon, ĉar ŝi fidele atendis lin dum 7000 tagoj de liaj siberiaj suferoj, mortis kelkajn tagojn post la zagreba lanĉo de la ĉina traduko, la 11an de marto, estante 89-jara.

# PUBLIKA PREZENTO DE HLAPIĆ TRADUKITA EN LA JAPANAN

Zagreba centro por infanlibro gastigis la publikan prezenton de la porinfana libro ***"Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić"*** kiun japanigis Sekaguĉi Ken. La zagreba lanĉo provokis grandan intereson de ĵurnalistoj. Pri la verko kaj ties japana traduko parolis Spomenka Štimec, lernantoj el la elementa lernejo ***Retkovec*** kaj ***Mladost*** legis la kroatan kaj Esperantan fragmenton de la libro dum la japanan fragmenton voĉelgis Junko Ikeda, filino de la japana ambasadoro en Kroatio. Pluraj artikoloj kaj radio-elsendoj rezultis el la programo.

*S. Štimec*

KNJIGE "Šegrt Hlapić" preveden na japanski jezik, a uskoro će ga čitati i djeca u Kini i Indiji

**ŠEGRT HLAPIĆ I GITA GOVORE JAPANSKI**

**PREDSTAVLJENO JAPANSKO IZDANJE »ČUDNOVATIH ZGODA ŠEGRTA HLAPIĆA«**

*Nesvakidašnji prijevod s esperanta*

# LA LIBRO *ZAMENHOF-STRATO* EN PLURAJ LINGVOJ

Post la pola, litova, japana kaj kroata eldonoj de la libro ***Zamenhof-Strato*** de Roman Dobrzyński, Kroata Esperanto-Ligo decidis organize helpi al la japana sponsoro por realigi la eldonon de la verko en pluraj lingvoj de Mezeŭropo kaj de Baltaj Landoj. Prepariĝas aktuale eldonoj de la libro en la jenaj lingvoj: en la slovena lingvo (tradukas ĝin Vinko Ošlak por eldonejo Inter-Kulturo en Maribor) dum en la ĉeĥa preparas la tradukon Jiřy Patera por la eldonejo Kava-Pech de Petro Chrdle. La slovakan prizorgas Stano Marček. István Nemere tradukas la hungaran kaj Mara Timermane la latvan.

La estona tradukisto ankoraŭ estas serĉata.




# 100 JAROJN POSTE

Bulonjo-ĉe-Maro en marto 2005 festis la 100an datrevenon de post la Unua kongreso de Esperanto en la jaro 1905. La eventon organizis Nordfrancia Esperanto-Federacio kune kun pluraj aliaj asocioj: UFE, SAT-amikaro, Franca Federacio de Esperantistaj Fevrojistoj, JEFO, Belga Federacio kaj Brita Esperanto-Asocio. Prelegoj, distraj aranĝoj kaj ekskursoj montris la vivecon de Esperanto, 100 jarojn poste.

La plej emocia momento estis la mateno kiam oni inaŭguris la renkontiĝon en la sama teatro kiel en 1905 kaj poste la partoprenantaro parade iris tra la urbo al la Zamenhof-Strato, kie staras la busto de la kreinto de Zamenhof.

*Claude Nourmont*

# BONVENON AL LA INSULO DE LA FELIĈO

***Bonvenon al la insulo de la feliĉo*** estas la nova teatraĵo de Studenta Esperanto-Klubo. La kroata premiero de la teatraĵo okazis la 31an de marto kadre de la la zagreba amatora festivalo SKAZ, kie la Drama Grupo de SEK jam tradicie partoprenas. Tekstaŭtoroj estas Vanja Radovanović kaj Dag Treer, reĝisoris Vanja Radovanonić. Aktoris Vanja Radovanović kaj Dag Treer. La teknikon prizorgas Tomislav Divjak.

Okaze de la ĉi-jara SKAZ oni eldonis libron kun prezentoj de ĉiuj lastjaraj prezentaĵoj. En la kolekto troviĝas ankaŭ la kritikoj pri la lastjara verko de SEK ***Ne merdu aŭ supreniro kaj malsupreniro de la funkciulo M, en 33 bildoj.***

Estas interese legi kion fakuloj opinias pri la teatra arto de studentoj-esperantistoj.

*Vanja Radovanović*







# ZAGREBA OBSERVATORIO KAJ ESPERANTO

Aŭtorino Tatjana Kren publikigis honore al la 100-a jubileo de la Zagreba Observatorio du librojn en la kroata lingvo en 2004: ***La astronomia tempovojaĝo (Fragmentoj el la historio de la kroata scienco pri steloj)*** kaj ***La ĉieloj aspergiĝis per steloj (Kroata literaturo kaj astronomio)***. En ambaŭ libroj ŝi dediĉis ĉapitrojn al aktiveco de esperantistoj ĉe la Zagreba Observatorio. La libro *La astronomia tempovojaĝo* eĉ estas dediĉita al esperantisto D-ro Gabrijel Divjanović, gvidanto de Esperantaj aktivecoj ĉe la Observatorio, okaze de la 10-a datreveno de lia morto. La 10-paĝa artikolo en la libro traktas la temon Observatorio kaj Esperanto. En *La ĉieloj asperigiĝis per ŝteloj* la aŭtorino sur 10 paĝoj traktas la verkon ***Tragedio en la universo*** kaj la literaturan verkejon por junularo kiu funkciis kadre de la Observatorio en la sesdekaj jaroj, samkiel la internaciajn literaturajn eĥojn kiujn la junulara verko atingis.

Pri la temo Tatjana Kren gastis en Esperanto-Societo Bude Borjan la 6-an de aprilo.

*S. Štimec*

# KNABO PETR GINZ EN KROATIO

Post kiam *Isreala Esperantisto* kaj *Esperanto-Revuo* diskonigis pri la sorto de la praga juda knabo Petr Ginz, kiu pereis en la koncentrejo en Auschwitz en 1944, kroataj gazetoj dediĉis atenton al li: Taggazeto *Večernji list* de la 26a de marto 2005 kaj infanrevuo *Modra lasta* (majo 2005) dediĉis al li grandajn artikolojn. *Večernji list* prezentas la rilatojn de la talentita knabo, kiu dum la kapititeco en la koncentrejo Teresin, antaŭ ol perei, eldonis propran gazeton kaj verkis ĉeĥan-Esperantan vortaron. Kiam israela astronaŭto Ilan Ramon fariĝis membro de la spacesplora teamo *Columbia*, li kunportis kun si al la kosmovojaĝo desegnon de la knabo Petro *Vidaĵo el la luno*. Bedaŭrinde, la esplorvojaĝo de *Columbia* fiaskis per granda akcidento, en la lastaj minutoj de la vojaĝo. En la akcidento pereis ĉiuj astronaŭtoj, la 1an de februaro 2003. Tio estas la tago kiam Petr fariĝus 75-jara! La gepatroj de Petr estis esperantistoj, Esperanton li lernis hejme, lian antaŭnelonge trovitan taglibron publikigas Kava-Pech. Petr Chrdle sendis al ni la poŝtmarkon de la ĉeĥa Poŝto kun la portreto de Petr kaj lia fama desegnaĵo, kiu pereis kun Columbia en la kosmo.







Yad Vashem Art Museum
Jerusalem

# VERKISTA RENKONTIĜO EN KROATIO

Post la lastjara renkontiĝo de verkistoj kroata Ministerio pri Kulturo aprobis en 2005 financajn rimedojn por la nova renkontiĝo de verkistoj en Kroatio. La aranĝo okazos en julio, de la 9a ĝis la 11a en la bieno de Spomenka Štimec en vilaĝo Hraščina-Trgovišće en la norda Kroatio.

Konfirmis sian partoprenon István Nemere, la plej granda personeco de la hungara Esperanto-literaturo kaj unu el la grandaj hungaraj verkistoj ĝenerale. (Nemere estis tradukita ankaŭ en la kroatan lingvon). Roman Dobrzyński el Pollando, kiu famiĝis per la prozo ***Zamenhof-Strato*** same anoncis sian alvenon. El Rumanio estas atendata Julia Sigmond kun la ĉarma novelaro ***Mi ne estas Mona Lisa***. La alvenon anoncis eldonisto kaj direktoro de Internacia Esperanto-Muzeo Herbert Mayer el Vieno, samkiel Achtar Etemadi el irano. La aranĝos ĉeestos ankaŭ Krešimir Barković kies Esperanta versio de ***7000 tagoj en Siberio*** ricevis novan impulson per la lastatempa traduko en la ĉinan.

Interalie oni prezentos ankaŭ la ĉi-jaran kandidaton por Infanlibro de la jaro 2004 ***Rakontoj sub la lito*** de Antoaneta Klobučar.

La aranĝon aŭspicias Esperantlingva Verkista Asocio - EVA.

*S. Štimec*



*Bieno en Hraščina Trgovišće, desegnis A. Despot.*

# HELPO POR VODNIKOVA 9
## Aprilo 2005

### DONACOJ

| | |
|---|---|
| 91. Zlatko Tišljar | 66,67 eŭrojn |
| 92. Vladimir Kamenski | 1,87 eŭrojn |
| 93. Tomislav Plačković | 13,34 eŭrojn |
| 94. Ozren Ćuk | 4,67 eŭrojn |
| 95. Edith Zuchowski | 5,00 eŭrojn |
| 96. Nikola Vuković | 4,03 eŭrojn |
| 97. Vesna Staničić-Burchards | 50,00 eŭrojn |
| 98. Željko Gubijan | 6,70 eŭrojn |
| 99. Ginette Martin | 5,00 eŭrojn |
| 100. Vanja Radovanović | 10,00 eŭrojn |
| 101. Daša Filipčić | 10,00 eŭrojn |
| 102. Vedran Radovanović | 10,00 eŭrojn |
| 103. Zrinka Radovanović | 10,00 eŭrojn |
| 104. Manca Turk (Ljubljana) | 10,00 eŭrojn |
| 105. Esperanto-Societo Rijeka omaĝe al Evica Jakupović okaze de la forpaso | 40,37 eŭrojn |

**Entute: 9. 485,98 eŭrojn**

### KREDITO

| | |
|---|---|
| 27. Kaja Farszky | 13,50 eŭrojn |

**Entute: 2.476,92 eŭrojn**

**Sume ricevitaj: 11.962,90 eŭrojn**

# ESPERANTO-SOCIETO EN SPLIT HAVAS NOVAN SOCIETEJON

Urba registaro de Split disponigis al Esperanto-Societo Split la ejon por la agado de la societo. La ejo troviĝas en Gundulićeva 11, urbocentre. Temas pri la ejo kiun kune uzas kelkaj asocioj. Esperantistoj povas disponi pri la ejo dum du tagoj semajne.

*Davor Grgat*

## *Sead Muhamedagić*

## *FINGROSENSO*

*Vojaĝas montrofingro de livo al dekstro*
*kaj lini' post linie glitas libropaĝe.*
*Sennombraj punktoj pufitaj piketas senindulge*
*siajn enhavojn injektante en lian enon.*

*Stoike li ĉion eltenas kaj ne cedas;*
*liaj kilometroj nombratas per miloj,*
*kaj se iamaniere li ekparolus,*
*rakonto tiu neniam alfinus.*

*Troveblas sub ĝi ĉiaj ĉiaĵoj.*
*Ofte dumpaŝe li haltas momente;*
*ofte ekfulmas iu peza vorto,*
*post lin ektiklas iu nomo kara,*
*okaze li modeste genuas antaŭ sanktaĵo,*
*aŭ lin subite ekskuas pasiaj jukpikoj,*
*ĉu do li brulas, brulas ... !*

*Ne eblas al li okulsimile okule glutadi;*
*al li disponeblas nur milda kuntuŝo kun*
*punktetoj spitantaj.*
*Kaj ĉu ili deloge signifas, signifas ... !*
*Neniam sufiĉas por ili tiu senfina kunesto;*
*neniam sufiĉas tiuj ekstazosuproj*
*kaj nekredebla legadburĝonado.*

El la kroata: Lucija Borčić

**SEAD MUHAMEDAGIĆ**, kroata tradukisto kaj poeto (1954, Skokovi apud Cazin, Bosnio kaj Hercegovino). Diplomiĝis pri la germana lingvo kaj jugoslavistiko. Tradukis Karl Kraus, Gert Jonke, Arthur Schnizler, Thomas Bernhard. Kompilis ***Antologion de la novaj aŭstriaj dramoj***. Gajninto de ŝtata premio de Asocio de kroataj literaturaj tradukistoj kaj de la ŝtata premio por literatura tradukado de Respubliko Aŭstrio. Originala poemaro ***Blindula akvokirliĝo***.

# NEKROLOGOJ

## *EVICA JAKUPOVIĆ*

En Rijeka la 24an de marto 2005 forpasis Evica Jakupović (naskita Devrnja), membro de Esperanto Societo Rijeka. Ŝi naskiĝis la 10an de marto 1926 en Karlovčić, Srijem, Vojvodino, Respubliko Serbio. Esperantistiĝis en jaro 1951 en Zemun. Estis membro de Esperanto-Societo Rijeka ekde la jaro 1951, kiam ŝi kun sia familio translokiĝis al Rijeka. Kun sia edzo Mehmed ĉeestis en multaj Universalaj Kongresoj kaj sennombraj esperantaj konferencoj kaj renkontiĝoj. Ŝi helpadis al Esperanto-movado per diversaj aktivecoj. La granda kontribuo estas ankaŭ edukado de filoj kiuj partoprenis kaj restis en la Movado.

## *ELFRIDE SUDEC*

Ŝi naskiĝis en la jaro 1925 kaj forpasis la 19an de januaro 2005 en Zagrebo. Esperantistiĝis en 1948, aktivis en la Hamburga Esperanto-Societo kaj estis kasisto de LKK de la Hamburga UK en 1974. De 1986 ŝi migris kun sia edzo Milan Sudec al Hispanio kaj ili iniciatis internacian Esperanto-Semajnon, kiu daŭris dum 13 jaroj. Ekde 1997 ŝi vivis en Kroatio, la patrolando de sia edzo.

# BALDAŬ APEROS "HLAPIĆ" EN LA PERSA

